# PRI LA EKSTERTERANOJ
# EN LA *POEMO DE UTNOA* (1)

A. Montagut

## ENKONDUKE

1.1.

*Ĉiu medalo du flankojn posedas.*

La realo dependas de la observanto. Indas rememori la konduton de la fotonoj kiam oni observas ilin: "La fotonoj kondutas kiel ondo aŭ kiel partiklo dependante de la observanto. Eĉ kiam la prijuĝo de la observanto estas maksimume prokrastigata aŭ kiam ĉi tiu efektiviĝas aleatore [...] Fotono kondutas kiel ondo kiam la observanto decidis observi ondan konduton kaj ĝi kondutas kiel partiklo kiam la observanto decidis observi korpusklan konduton".

> Martines, Yaiza (2007). *Los fotones se comportan como onda o partícula según el observador*. [Konsultebla en oktobro 2023 en
>
> https://teresaversyp.com/actualidad/los-fotones-se-comportan-como-onda-o-particula-segun-el-observador/

Laŭ tiuj konstatoj, ne ekzistas unu sola realo por ĉiuj, almenaŭ je kelkaj niveloj kaj aspektoj. La realo estas plur-edra. Beletro kaj pli ĝenerale arto estas certe subjektivaj kaj intersubjektivaj realoj.

Oni rajtas aserti ankaŭ ke ĉiu havas parton de la vero. Do, ĉies opinio estas atentinda. "La vero estas spegulo kiu iam rompiĝis kaj ĉiu homo havas eron el ĝi".

Neniel mi pretendas posedi la solan veron nek ŝanĝi opinion jam akiritan fare de aliaj legantoj de la *Poemo de Utnoa*. Mi deziras prezenti nur mian argumentitan perspektivon iom vaste kaj detale pri la eksterterana flanko post pluraj opinioj kaj pritaksoj ĉi-rilataj aperintaj en oktobro 2023 en Literatura Babilejo.

Mi ne neas ke en la *Poemo de Utnoa* troviĝas multaj mankoj kaj ke ĝi ne kompareblas kun, ekzemple, *La Dia Komedio*, sed mi volus enkadrigi la pravan kritikindecon de la eksterterana linio en sia ĝusta dimensio. Se ĝi estas nekredebla kaj ne plene funkcias, la tuta verko kolapsas.

1.2

La t.n. “sciencfikcia” aŭ eksterterana flanko konsistigas esencan komponanton, linion aŭ fadenon de la *Poemo de Utnoa*, eĉ se la verko unuakoncepte ne celis esti sciencfikcia. En la definitiva konkretiĝo, ĉi tiu “flanko” koncernas proksimume la duonon de la tuto en interteksita formo. Se ĉi tiu komponanto ne estas literature kredebla kaj sufiĉe kongrua, laŭ la kriterio de leganto, oni ne povas plezure kaj empatie legi la verkon.

Eblas aserti ion similan, ŝanĝinte ŝanĝendajn, pri ĉiuj fikciaj, fantaziaj aŭ sciencfikciaj verkoj, fakte pri ĉiuj beletraj verkoj, kvankam en malsama grado. Se ene de la literatura sperto oni ne akceptas kaj alpropigas provizore, dum la legado, tiun apartan mondrigardon kiu aperas ekz-e rilate al la dioj, en *Odiseado*, en *Ramajanao*, en la *Dia Komedio*, kaj ĝenerale la specifan mondrigardon en *Faŭsto*, *La milito de la mondoj*, *Feliĉa Mondo*, *1984*, *La marsaj kronikoj*, *La mastro de l' ringoj*, ktp., oni ne kapablos ĝui la legadon. Paralele, la interna literatura mondo en ĉiu verko devas efektive esti kaj impresi  sufiĉe kohera por ke eblu la identiĝo kaj enprofundiĝo de la leganto.

1.3.

En la sciencfikcio ekzistas du ĉefaj variantoj: milda kaj dura (=malmola). En la praktiko la divido inter ambaŭ estas kontinuaĵo, tiel ke ĉiu verko sciencfikcia povas havi trajtojn de ambaŭ specoj. Ĝenerale oni subetikedas nur la *duran*, kiam ĝi estas klare kaj intence bazita nur sur jam pruvitaj sciencaj donitaĵoj.

La sciencfikcia flanko de la *Poemo de Utnoa* (PdU) klaseblas en la ĝenerala varianto de la sciencfikcio, kun kelkaj nuancoj aŭ trajtoj de dura sciencfikcio, ekz-e, en la priskribo de la kosmoŝipoj, de aparatoj, k.s., precipe en la tria kanto.

1.4.

Laŭ la opinio de Jouko Lindstedt esprimita en Literatura Babilejo en oktobro 2023, inter pluraj mankoj de la PdU, elstaras gravaj aspektoj de ĝia eksterterana linio, kiuj ne estas racie kredeblaj aŭ science akcepteblaj.

Laŭ mia kompreno, li konsideras tiujn aspektojn de la eksterterana linio de la *Poemo de Utnoa* laŭ la kriterioj de la dura varianto de la sciencfikcio.

Lia pritakso aperis je la 6a de Oktobro 2023 en la fejsbuka grupo “Literatura Babilejo”. La sama teksto aperis post kelkaj tagoj kiel recenzo sur la retpaĝo de OLE (Originala Literaturo en Esperanto) sub la titolo “Poemo de Utnoa”. Jen la plena transskribo de la recenzo, konsultebla en

http://literaturo.esperanto.net/poem/libr/utnoarec.html

> *Mi legis ”Poemon de Utnoa”. La sperto estis iom konfuza. En multaj lokoj mi avide suĉis la bonegan tekston – en iuj aliaj (pli malmultaj) mi kvazaŭ pene puŝis min tra ĝena arbetaĵo.*

*La ĝenerala ideo de la verko estas bonega: epopeo de epopeoj, kun abunda interteksteco, kiu gloras ne batalojn sed neperfortemon, kaj demandas, ĉu la homaro entute meritas esti savita. Kaj Montagut estas talenta versfaranto, kiu enhejmigis en Esperanton novan metrikon, samfunkcian sed ne identan kun la antikva heksametro. La plivastigitaj komparoj (nomataj, dusence, "abelaj komparoj" de Probal Dasgupta) estas bela ennovaĵo (por uzi iom arĥaikan Zamenhofan vorton).*

*Aliflanke, la scienc-fikcia flanko ne plene funkcias, laŭ mi. La priskriboj de la vivo de la aliplanedanoj ne atingas la nivelon de la priskribo de la teranoj, sed estas kelkloke eĉ iom tedaj, kun amaso de elpensitaj nomoj kaj terminoj. La socio de la "gobanoj", kun siaj administraj strukturoj kaj moroj (ekzemple geedziĝo), estas nekredeble simila al tiu de la teraj homoj. Kaj mokas la racion tio, ke la aliplanedanoj, evidente evoluintaj tute sendepende de la homoj, povas tamen koiti kun tiuj kaj eĉ generi komunajn idojn! Kia estas la probableco, ke en du planedoj evoluas tiom simila DNA – aŭ io, kion oni entute povas nomi DNA en ambaŭ lokoj? Do, ne temas pri _scienca_ fikcio. La aliplanedanoj en la verko estas propre kvazaŭ antikvaj grekaj gedioj, al kiuj oni disdonis iom da modernaj teĥnikaĵoj kiel rekvizitojn. Eble la aŭtoro celis ĝuste ion tian.*

*Mi konsentas, ke "Poemo de Utnoa" estas unu el la mejloŝtonoj de nia literaturo, kreita de enviinde talenta verkisto, sed ĝi ne estas plene harmonia tutaĵo. Kiel medito pri la valoro kaj stato de la homaro ĝi ne atingas la nivelon de "La Infana raso". Veran scienc-fikcian epopeon ĝi ne donas al ni (de tiu ĝenro oni prefere legu la tradukon de "Aniaro" de Harry Martinson). Aliflanke, iuj scenoj restas profunde en mia memoro, kaj la porpaca kaj kontraŭperforta mesaĝo de la verko estas freŝa kaj klara kiel montara aero.*

*Jouko Lindstedt*

1.5.

Ĉirkaŭ ĉi tiu pritakso esprimita de Jouko Lindstedt aperis pluraj intervenoj kaj dialogoj sur la menciita fejsbuka paĝo de Literatura Babilejo, samtage kaj dum la postaj tagoj.

Mi transskribas kelkajn el ili (kun la esperebla permeso de la aŭtoroj):

**Nicola Ruggiero**

Mi legis ĝin kvar fojojn kaj tre ŝatas ĝin.
Mi ne samopinias kun Jouko pri la harmonia tutaĵo de la verko: laŭ mi ĝi superas *La infana raso* de Auld ĝuste ĉar mi trovis plurajn fadenojn kiuj bele miksiĝas. Tamen, ambaŭ verkoj estas pensigaj kaj streĉigaj ĉe pluraj versoj.

**Jouko Lindstedt** [respondante al Nicola Ruggiero]

Eble la komparo estas nejusta por ambaŭ verkoj, ĉar Auld ja celas aliri la saman temon el tre variaj anguloj kaj vidpunktoj, dum Montagut celas plekti plurajn fadenojn kune. Mi nur sentis, ke parto de la fadenoj restas pendantaj aere.

Verdire, kiam la sepa kanto finiĝis kaj mi ekvidis, ke nenio sekvas, mi unue sincere kredis, ke mia ekzemplero de la libro estas difektita! Ambaŭ partioj de la gobanoj klopodis influi Utnoan dum centoj kaj centoj da versoj, oni detale montris al li la estontan historion de la homaro ĝis la leganto apenaŭ kapablas digesti pli, kaj poste li absolute ĉion forgesas, ĉar estas bela mateno kaj la junedzino ŝin helpas.

Sed mi diru, ke mi ja komprenas, ke la verko povas tre plaĉi al iuj, kaj ĝi certe estas altkvalita literaturo. Eble mi nur dirus, ke por mia gusto ĝi tro ludas laŭ siaj propraj reguloj.

**Abel Montagut** [respondante al Jouko Lindstedt; kun postaj precizigoj inter rektaj parentezoj]

*Kara Jouko, mi tre dankas viajn komentojn. Viaj opinioj kaj spertoj dum la legado ŝajnas al mi tre interesaj kaj pensigaj. Kaj mi pripensis. Fakte, verko ne estas kompleta sen la spertoj kaj reagoj de leganto(j). Mi esprimos miajn personajn opiniojn pri kelkaj aspektoj, ankaŭ kiel leganto. Interalie, vi skribis: "Verdire, kiam la sepa kanto finiĝis kaj mi ekvidis, ke nenio sekvas, mi unue sincere kredis, ke mia ekzemplero de la libro estas difektita!" Plej trafe esprimite. Tio signifas ke vi plene mergiĝis en la rakontadon. Miaflanke, mi opinias ke la intrigo haltas ĉi tie, t.e, post la akcepto (ĉu naiva?) kaj surbrustigo de la medaliono de Dilmun fare de Utnoa, ĉar ĝuste ĉi tie envenas la plej turnopunkta "engaĝiĝo" de la leganto: preni decidon mem fronte al la prezentitaj pozitivaj kaj negativaj flankoj de la homara historio. Ĉu tia homaro (fakte la sola konata de ni) savindas? La sekvaj okazaĵoj koncernantaj Noan estas konataj: li konstruis ŝipon kaj lia idaro plu vivis. Laŭ mi, la aŭtoro konsideris ke ne necesas plu rakonti pri la konstruado de la ŝipo (sufiĉaj detaloj pri simila faro prezentiĝis pli frue) nek pri la diluvo. Eble ĉi ties priskribo povus esti spektakla kaj atentokapta, sed ĝi devius de la esenca celo: decidigi la leganton ĉu ŝi aŭ li en la rolo de Utnoa elektus savi la homaron, konante multe pli detale kaj vaste ol Utnoa mem la sekvojn de tia decido. Ĉu mi, sur lia loko, savus la surteran homaron? Ĉu la homaro savindas?*

*La poemfino sugestas ankaŭ la jenon: se verŝajne nur tiuj plej bonintencaj, plej pacamaj el inter la homaro saviĝis (la idoj de Utnoa kaj de lia Diluminda rondo), kaj dum la sekvaj jaroj kaj jarcentoj efektive okazis [/os], laŭlonge de la posteulara historio de la homaro, la hororaĵoj bildigitaj en la lasta kanto: ĉu Utnoa ne faris grandan eraron? Ĉu vere la homaro savindas? Ĉu ĝi ne estas ĝisradike perversa, eĉ en ĉi ties principe plej bonaj komponantoj? Ĉu iel eblas plibonigi ĝin? Se la verko ne finiĝus sur ĉi tiu punkto, la urĝeco kaj tragikeco de ĉi tiu demando diluiĝus kaj forviŝiĝus en la ondoj de la diluva priskribo.*

*Aliflanke, en la poemo troviĝas indikoj ke la ŝipkonstruado, la diluvo kaj la saviĝo de Utnoa, kune kun lia grupo, [efektive] okazis, almenaŭ en la literatura kunteksto de la rakontado. Kiam oni alvenas al la fino de la poemo, la leganto estas kvazaŭ invitata relegi ĝian komencon. Tie oni renkontas: "Multon li trasuferis dum ĉarpentado de ŝipo, / hezitojn kaj ĉagrenojn daŭrajn fortbruste li venkis, / ĝis ondoj urbojn kovris kaj tutan teron inunde. / Homoj kaj bestoj en ŝlimfundo fordrone pereis. / Ĉiela Muzo, rakontu nun pri l' veraj eventoj / kiam elŝvelis maroj kaj la kaoso tumultis. / Ĉu ĝi fatalis nepra aŭ oni povis eviti? "*

*Veras ke la aŭtoro iel supozigas [al la leganto] en ĉi tiuj komencaj versoj ke la poemo priskribos la inundon. Tamen la "Muzo" elektis ekmuti ĝuste antaŭ ĝia priskribo. Laŭ mi, pro la klarigitaj kialoj.*

**Jouko Lindstedt** [respondante al A. Montagut]

*Jes, kiam la aŭtoro konstruas sian verkon kontraŭ la atendo de la leganto, povas esti la tasko de la leganto ekpensi, kial estas tiel kaj kion tio mesaĝas. Kaj mi komprenis do, ke nun Utnoa definitive decidis savi la homaron, malgraŭ la ĵusaj teruraj avertoj el la iuspeca inversa infero de malbonuloj. Efektive, la avertoj influis nur la leganton, ne la protagoniston...*

**Montagut Abel** [respondante al Jouko Lindstedt]

*Prave. Laŭ la klarigoj precipe en la 5a kanto (v. 270-283; 1128-1130), sed ankaŭ en la 7a kanto. Cetere, ankaŭ la gobanoj ne scias precize kiel la "drogo" efikos en la profunda subkonscio de Utnoa.*

[En alia respondo de A. Montagut:]

*Pri la t.n. "scienc-fikcia" flanko, laŭ mi, adekvatas via diro: "La aliplanedanoj en la verko estas propre kvazaŭ antikvaj grekaj gedioj, al kiuj oni disdonis iom da modernaj teĥnikaĵoj kiel rekvizitojn. Eble la aŭtoro celis ĝuste ion tian". Verŝajne, jes. Eble iam mi povus doni pli da detaloj.*

1.6.

Konsekvence kun tiuj diroj, tri monatojn post la recenzo de Jouko Lindstedt kaj de la citita dialogo en Literatura Babilejo, mi prezentos pli da detaloj pri la scienc-fikcia flanko en la PdU. Tion mi faros per serio de "artikoloj".

Unuavice mi transkribos la plenan tekston de mia letero sendita al Giulio Cappa antaŭ proksimume tridek jaroj, en februaro 1994. Parto de la letero, en kataluna traduko, aperis pli frue en anekso de la prozforma katalunigo de PdU eldonita en 1996 sub la titolo "La gesta d'Utnoa".

Pri la ĝenro de la *Poemo de Utnoa* oni notu ke estas klare dirite en la komenco de la Averto de la aŭtoro: "Jen verko apartenanta al la epika ĝenro". Do, oni ne atendu scienfikcian verkon en sia tuteco aŭ precipe. Ne temas pri scienfikcia verko, eĉ se ĝi enhavas scienfikciajn elementojn.

La sekvaj "artikoloj" temos nur pri la sciencfikcia flanko en la PdU kaj en ĝiaj fontoj.